# LA ĴURNALISTO

INFORMIL[illegible]E TEJA
1952 [illegible]j 19- 20

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO /TEJA/



Prez. Ĉefred. C. Hilmer Johansson, "Ostgöten" ,LINKÖPING , Svedlando
Sekr. Red. Einar Adamson, Värmlandsgatan 18, Göteborg , Svedlando.


## LA 6-a FAKKUNSIDOD DE TEĴA - EN OSLO

La 7-an de aŭgusto 1952 nia asocio havis sian sesan fakkunsidon en OSLO,Norvegujo ,kie ni disponis salonon en la universitato.

Car la prezidanto-C.Hilmer Johansson-ne povis partopreni la sekretario-Einar Adamson- salutis la ĉeestantojn en la nomo de la Estraro. Specialan saluton li transdonis al la prezidanto, kiun li renkontis kelkajn tagojn pli frue en la Somera Internacia Kurso en Bohusgården,Uddevalla kie li same kiel la sekr. prelegis.

Por prezidi dum la kunsido ni elektis S:ron Einar Hult, Arvika,Svedlando,kaj por la protokolo ni elektis D:ron A.Mildwurf,Londono.

La sekr. legis la agadraporton por 1951 kaj komentis ĝin. Inter alie li bedaŭris ke nun estas neeble havi kontakton kun la TEJA-membroj en la popoldemokrataj landoj kaj ke tiuj membroj ne povas pagi sian jarkotizon. Dum la jaro kreskis bone la TEJA-sekcio en Jugoslavio. Tio signas ke ni povas havi bonan Fak-kunsidon venontjare en Zagreb.

En la agadraporto la estraro i. a. raportis pri la bona rezulto de Internacia Gazetara Servo de UEA,kiun prizorgas la TEJA-sekretario. Tiamaniere ni organizo sukcesis kunhelpi aktive en la ĝenerala esperantopropagando en multaj landoj.

Konkludo la Estraro konstatas en sia agadraporto:
" Ankoraŭ ni ne havas por nia asocio firman teron. Mankas al ni sufiĉe da aktivaj membroj.La manko de kontakto kun la multaj fervoraj esperantistoj-ĵurnalistoj- en Orienta Europo,la neeblo por multaj membroj pagi la jarkotizon pro la valuta situacio. Manko estas ankaŭ ke la kolegoj ne kunlaboras pli multenombre en nia informilo.

Sed ni-la estraro-tamen ne volas cedi. Sajnas al ni grave por la estonta laboro ke la jam aliĝitaj membroj daŭrigas sian membrecon- kaj ke ni varbas novajn membrojn kaj kolektas adresojn de ĵurnalistoj.kiuj scipovas esperanton,por eble ilin organizi. Eble tiamaniere la movado povos trovi plurajn aktivulojn,kiuj xxxx povas kaj volas oferi tempon por la afero."

La revizianto -redaktoro Esbjörn Ahlqvist,Göteborg- legis la revizian raporton,kiu montris ke la enspezitaj membrokotizojn nur sufiĉas por pagi la Informilon kaj la afrankojn.

Sen diskuto la kunsido aprobis la raportojn.

\+ + + + +

[illegible] sveda membro Henrik Karlsson en Kisa,transiris al

al oficista servo kaj nun estas B-membro oni proponis anstataŭ Karlsson elekti norvegan kolegon en la estraro. Oni proponis ĵurnaliston O.Thormodson,Haugesund.kaj elektis lin.

S:ro Paul Thorson,Kopenhago. proponis ke TEJA donu al la membrokarto tian formon,ke ĝi pli facile povas servi kiel efektiva ĵurnalista legitimilo . La anoj sendu foton,kiun engluas kaj stampas la sekretarion.

Adamson konsentis,sed proponis ke oni presu pli efektivajn kartojn kun rekomendo kaj por fotoj kiujn oni devas presi novajn membrokartojn. Sed kostas multe kaj por nunaj enspezoj estas neeble realiĝi nun kiam ni tamen havas kvanton da membrokartoj. Vi ankaŭ sciu ke ĉiu profesia ĵurnalisto havas la membrokarton de sia sindikata organizo kaj por A-membroj de nenion signifas. La favorojn de A-membroj la neprofesiaj gazetlaborantoj ne povas havi,ĉar por ilin atingi-precipe rilate vojaĝojn- oni bezonas la ĵurnalistkarton de la nacia ĵurnalista asocio kaj krom tio karton aŭ rekomendon de la redakcio en kiu oni laboras. Tamen certe multe da favoroj la B-membroj povus akiri per pli efika ĵurnalistkarto. Tamen ne senpagajn vojaĝojn. Oficiale oni nun povas tiajn akiri nur en kelkaj landoj,je specialaj kondiĉoj -pri tio ni skribu en nia gazeto. Senpagajn vojaĝojn oni nun povas akiri nur en Svedio, Norvegujo,Danlando,Finnlando, Anglujo kaj Belgujo. Rabatbiletojn por ĵurnalistoj oni havas en Nederlando kaj Italujo.

La kunsido decidis presi kartojn laŭ la propono de Thorson kiam ni foruzis la jam presitajn membrokartojn.

Laŭ propono de Adamson ni decidis-se la ekonomio tion permesas-presi rekomendon sur la kartoj en esperanto kaj en angla,franca kaj germana lingvoj.

+ + + + +

Redaktoro Vilhelm Grahn,Stockholmo,demandis pri la eblo aranĝi senpagan vojaĝon -vojaĝojn- por TEJA- membroj en Jugoslavio venontjare ,antaŭ aŭ post la Universala kongreso.

D:ro Ivo Borovečki, Zagreb,Jugoslavio-organizanto de la 38-a kongreso de UEA,- raportis pri malaltaj kostoj dum la kongreso en Zagreb kaj la granda rabato por eksterlandanoj en la jugoslavaj fervojoj,sed ne povis doni promesojn pri pli granda rabato ol la ordinara.

Adamson konstatis -post sia vojaĝo en Jugoslavio 1951- ke la vojaĝoj estas relative malmultekostaj kaj ke eble TEJA ne povas atingi pli grandajn favorojn tiurilate. Sed eble ni per niaj kontaktoj kun ĵurnalistaj organizoj en diversaj jugoslavaj urboj povas havigi aliajn favorojn por niaj membroj. Kondiĉo estas ke la membroj raportas al TEJA-sekretario en bona tempo. Ili devas skribi pri siaj specialinteresoj-en kiuj gazetoj ili skribas pri siaj sportoj- ,kiuj urboj ili eventuale deziras viziti -Ljubljana, Belgrad, Novi Šad, Sarajevo,Fiume /Rijeka / k.t.p.,antaŭ aŭ post la kongreso. Ĝi okazos 27 VII-3.VIII. Al ĉiuj membroj,kiuj raportas pri siaj deziroj la sekretario estas preta aranĝi laŭeble.

+ + + + +

Einar Hult finis la fakkunsidon dankante pro la konfido prezidi kaj Adamson salutis : "Ĝis revido en Zagreb 1953"

PARTOPRENANTOJ EN LA KONGRESA FAKKUNSIDO:

Gian Carlo Figliora ,Torino,Italujo — Einar Hult,Arvika,Svedio

Le Meal Marcel,VERSAILLES,Francujo — Franz Höfert,WIEN,Aŭstr

LA ESTRARO ESTAS HISIDO: Daŭrigo el paĝo 2

Esbjörn Ahlqvist, GÖTEBORG, Svedlando
Paul Thorsen, KOPENHAGO, Danlando,
O. Thormodsen, HAUGESUND, Norvegujo
D:ro A. Hildwurf, LONDONO, Anglujo
D:ro Arnfinn Jensen, OSLO, Norvegujo
Mod. d:ro Wuko Jovanović, BELGRAD, Serbio
Inga Maj Adamson, GÖTEBORG, Svedlando.
Mario Peitersen, KÖGE, Danlando
Einar Adamson, GÖTEBORG, Svedl.
Gunnar Hinch, SKÖVDE, Svedlando.
Kjell G. Sellin, OSLO, Norvegujo
Elna Adamson, Göteborg, Svedujo
Mod. d:ro Ivo Borovečki, ZAGREB, Kroatio, Jugoslavio

---

La du jugoslavaj kursanistoj estas raportistoj al gazetoj kaj aliĝis al TEJA lastjare. Inga Maj Adamson trairis ĵurnalistan kurson en la Altlernejo de GÖTEBORG kaj kunlaboras en kelkaj gejunularaj gazetoj, inter alie NYA VÄGAR-Novaj VOJOJ- organo de Pacasocio de Gejunuloj, kie ŝi nun skribas esperantokurson.

Inter la ĉeestantoj de estis nur du gastoj, la aliaj estas TEJA- membroj.

==========================

## AL JUGOSLAVAJ MEMBROJ!

La estraro decidis ke la jarkotizo por Jugoslavio estu po jare 150 Dinaroj.

Ni rekomendas niajn jugoslavajn membrojn pagi la jarkotizon 150 Din. al D:ro Ivo Borovečki, Buconjićeva 4/II, ZAGREB kaj mencii: "kotizo al TEJA por 1952", respektive "por 1953".

Kolegoj kiuj eventuale volas pagi por 1953 povas do pagi al sama adreso

Membroj kiuj aliĝas al TEJA post apero de ĉi-tiu numero pagos por 1953 al la supra adreso 150 Din. Estas bone, se vi en p.k. raportas al sekr. Einar Adamson, Värmlandsg. 18, Göteborg. Svedlando kiam vi pagis ke ni tuj povas sendi membrokarton kaj regule sendi la gazeton.

xxxxxxxxxxxxxxxxxx

## SENPAGE AL ĴURNALISTOJ

Vi povas senpage ricevi interesan broŝuron pri la agado de Sveda Sansporta Asocio, tradukitan esperanton. Vi ankaŭ povas uzi la materialon por via gazeto. Petu ĝin ĉe Sansporta Asocio, Karlbergsvägen 14, STOCKHOLM, Svedlando.

## GAZETKONFISKO EN HISPANUJO

La policisto de Franco konfiskis 3.000 ekz. de la gazeto RESSO.

Sed.... ĉar multaj deziris havi la gazeton la policisto ne faris-kiel en kelkaj aliaj landoj- bruligis la konfiskitan eldonon. Tute ne!

La policisto komprenis ke oni povas gajni monon kaj la tuta eldono konfiskita oni vendis en la nigra merkato.

=== === === === ===

## EL LETERO DE NEDERLANDO:

S:ro Antoon W. Withoos, Victtastraat 11, EINDHOVEN skribas:

Mi vin dankas pro la varia enhavo de "LA ĴURNALISTO".

Ankaŭ dankon pro la regula alsendo de cirkuleroj de Internacia gazetara Servo. Mi bone povis utiligi la materialon. La informiloj de nia gazetara servo jam de kelkaj monatoj estas sendataj al proksimume 125 diversaj gazetoj en nia lando. Dudekon da ili ni sendas al tiaj gazetoj-precipe katolikaj- la reston al samspecaj gazetoj diversspecaj.

//////////////////////////

# LA MALJUNULOJ EN SVEDIO

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

La prizorgado de maljunuloj fariĝas pli kaj pli grava problemo en Svedio. La sveda tre konata verkisto Ivar Lo-Johansson eldonis en la komenco de 1952 la libron Maljunul-Svedio (Alderdoms-Sverige). La verkisto donis en tiu ĉi libro tre bonan bildon de la nuna stato pri la prizorgado de la maljunuloj en Svedio. Li prezentis interesajn faktojn akiritaj dum kelkaj jaroj per propraj vizitoj en la svedaj maljunulejoj kaj studoj de la maljunaĝaj problemoj.

Li konjektas bazita je popolnombraj prognosoj ke en 1980 estos nur 4 laborpovaj personoj je ĉiu maljunulo, en 1960 estos 5 personoj, en 1940 estis 7 personoj kaj antaŭ 80 jaroj, 10 personoj? Ĉiu laborpova persono ekhavos en 1980 70 % pli alta vivtenŝarĝo ol en 1940 kaj 200 % pli alta ol en certaj tempoj de 19a jarcento.

En Majo 1952 li partoprenis i.a. kune kun socialministro G. Străng en debato en sveda radio. Poste Lo-Johansson estis invitata partopreni en komitato vokita de sveda registaro por esplori la prizorgado de maljunuloj, sed li malakceptis, aludante, ke li jam faris gravan laboron. Li ankaŭ preferis esti libera. La 28-5-1952, la registaro vokis 7 personan komitaton sen Lo-Johansson. Dum 1951, studis ankaŭ la vivon de maljunuloj en Francio kaj verkis raportojn pri siaj spertoj en sveda koopera semajna gazeto. Antaŭe li verkis tre informajn kaj instigajn librojn pri la proletara vivo de antaŭaj svedaj terlaboristoj.

El la gazeto de Sveda Socialadministracio ni citas : En Oktobro pasinta, jaro, en Stockholmo estis fondita klubo de Maljunuloj en la Malnova Urbo. Ĉiuj enloĝantoj pli ol 70-jaraj en tiu ĉi distrikto povas akiri membrecon kaj pli ol 100 membroj aliĝis. Ĉirkaŭ 10 kunvenoj estas aranĝitaj jare. Membroj kaj ne membroj kune amuzas unu la alian. La klubestraro ankaŭ prizorgas kontakton inter la membroj inter la kunvenoj per rondleteroj, telefonaj kontaktoj ktp. La membro iom post iom ricevis plifortigita sento, ke la klubo estas ilia propra klubo kaj ne kulbo organizita de aliaj por maljunuloj. La klubo sekve stimulis la senton de komuneco inter la maljunuloj, kiuj pli facile ol aliaj aĝoj sentas la izoleco

Henrik KARLSSON

**ISLAMANA - NE ISLAMA**

Estimata Sinjoro Redaktoro,

Hodiaŭ mi ricevis Nron 17-18/1952 de via ŝatata "ĴURNALISTO" kaj mi rapidas tutkore danki vin pro ĝi kaj pro la bonvola publiki de mia informo pri la INTERNACIA ISLAMANA AKADEMIO DE SCIENCOJ, LITERATUROJ KAJ BELAJ ARTOJ.

Mi esperas, ke diversnaciaj samideanoj klopodos pri la traduko de la dirita informo en siajn naciajn lingvojn kaj pri la publikigo de tiuj tradukoj en la naciaj gazetoj.

Malgranda rimarko : la Akademio estas Islamana, sed ne Islama. Islamana = apartenanta al Islamanoj / anoj de Islamo aŭ en ĉi tiu kazo, konsistanta el Islamanoj / anoj de Islamo. Islama = de Islamo. Nia Akademio ne estas religia institucio kaj sekve, ne estas Islama.

.....Sincere via,

Prof. Ismail Wieslaw JEZIERSKI

## GRENLANDO - INTERESA LANDO NORDE

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

La jaro 1951 estis rimarkita jaro en la historio de Grenlando. La unuaj ratoj tiu-jare montris sin en la insulo. La scienistoj klarigis, ke plej kredeble la malgrandaj bestetoj venis el la ŝipo. Ni ankaŭ kredas tion, ĉar ni ne povas supozi, ke ili venis naĝantaj al la insulo, aŭ ke ili falis el la ĉielo.

Alia pruvo, ke la kulturo venis al la insulo 1951 estas la sciigo, ke oni komencis impostigi varojn, kiuj venas al la insulo el eksterlando. Pli frue, Grenlando nek havis ratojn, nek impostojn. Do nun per ratoj kaj impostoj, la civilizacio donis novaĵojn al grenlanda vivo. Se oni serĉas kaj nun diras, ke per tio, la kulturo venis al la eskimoj, ni nur notas tion, kiel kuriozaĵojn, sed volas paroli serioze pri tiu interesa parto de la mondo.

--------------

Grenlando estas konata kiel lando de glacio, la vastaj neĝokampoj, malvarmo, la lando de eskimoj, de grandioza naturo kun neordinara kolorpompo, nepriskribeblaj lumefektoj ktp. Gi situas relative proksime al Usono, sed malproksime al Eŭropo. Tamen, ĝi apartenas al Eŭropo, al la malgranda Danlando.

En la jaro 1720, la dana misiisto Hans Egede kaj lia edzino venis al Grenlando por disvastigi la kristanismon. De tiu tempo, la grenlandanoj - la eskimoj - estiĝis fidelaj al Danlando kaj montris grandan intereson por la sociaj kondiĉoj en Danlando kaj por la dana kulturo.

Sen batalo, sen sango, sen protesto, de aliaj landoj, Grenlando aliĝis al Danlando, ĉar je tiu tempo la glaciaj regionoj ŝajnis nevaloraj kaj oni tute ne eltrovis la modernajn militmetodojn, kiuj bezonas ĉe glaciajn regionojn por flugbazojn ktp...

Pri Grenlando nuntempe oni povas diri, ke grenlandanoj-eskimoj pli kaj pli komencas transiri al eŭropaj kutimoj. Multaj uzas eŭropeajn vestaĵojn. Ankoraŭ la foko-ĉasantoj en la norda parto enikvigas siajn kajakojn vestitaj en fokfeloj - kajako estas barko tre malpeza, kiun oni povas porti sur la kapo, subbrake se oni volas.

Sed en pli grandaj vilaĝoj en la sudaj partoj, oni nun uzas oleovestaĵojn. Anstataŭ kajakojn, kiujn oni pagajas oni nun uzas grandaj boatoj kun motorboatoj. La plej multaj nun forlasis la nomadan vivon. La Grenlandanoj havigis al si firmaj loĝejlokojn kaj ĉefparte fiŝas ekster sia insulo.

La socia vivo en Grenlando estas tute ŝanĝita. La evoluo rapide marŝis dum la lasta duonjarcento. El la pure natur-mastrumado, bazita je fokĉasado oni transiris al mona mastrumado kaj la fiŝado sur la marbenkoj donas pli grandaj enspezoj.

Dana kulturo kaj danaj esploristoj ludis gravan rolon por la eskimoj kaj por Grenlando. Popollernejoj kaj pli alta instruado - inter alie per daŭrigaj lernejo pli altigis la klerigan nivelon. Multe da grenlandanoj uzas la eblojn studi en Kopenhago. Per novaj komunikiloj, oni havas bonan kontakton kun la ekstera mondo kaj la izolado rompiĝis. Paroladoj en grenlanda kaj dana lingvoj oni aŭdas per radio. Filmo kaj danco donas plezurojn al gejunuloj kaj maljunuloj.

Dana eksterlanda ministerio eldonis anglolingva libreton pri Grenlando. Tie, oni konstatas, ke la Danoj, - almenaŭ ne ĝis nun - havis ekonomian favoron de Grenlando, oni ne ekspluatis la insulon. Grenlando havas gravajn naturriĉaĵojn

## LA SVEDAJ LAPONOJ ESTAS BONAJ SVEDAJ CIVITANOJ

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

En Norda Svedio same kiel en Norvegio, Finnlando kaj Sovjetio loĝas tribo el Laponoj. Ili apartenas al la finn-ugra lingvo- kaj popolfamilio. Da ili vivas en Svedio ĉirkaŭ 7.000. El tiuj 3.000 okupas sin pri boacbredado. La ceteraj transiris al aliaj metioj. Sed oni ankaŭ povas paroli pri fuĝo for de la kamparo. En tio oni tamen ne vidu antaŭsignon, ke la boacbredado estas formortanta. Car la svedaj ŝtataŭtoritatoj sufiĉe frue faris disponojn favorajn al tiu popolgrupo. Boacpaŝtejoj estis starigitaj, kie la arbaro estis gardita kontraŭ troekspluato kaj kie fiŝkaptado kaj ĉasado estis rezervitaj por la laponoj.

Tamen ke la Laponoj estas speciala nacieco kun propra lingvo - kaj grandparte ankaŭ propran religion - ne ekzistas en Svedlando, malgrandnaciecaj problemoj. La sveda socio ĉiam pritraktas la laponojn kiel bonajn svedajn civitanojn. Ili havis rajton uzi sian lingvon kaj nur post peto de la laponoj mem la ŝtato aranĝis lernejojn , kie la laponoj ankaŭ povas lerni la svedan lingvon. La ŝtato ankaŭ pagas al instruistoj kiuj instruas al la laponoj la laponan lingvon.

La laponoj nun ĝuas la samajn favorojn kiel aliaj civitanoj en la kamparo. Ili ricevas subvenciojn por plibonigi la loĝejojn. Tial nun multaj preferas havi bonajn loĝejojn anstataŭ loĝi en trablovaj, fumplenaj kaj malvarmaj lapontendoj. Nun oni ankaŭ helpas ilin ricevi bibliotekojn kaj ili ricevas subvenciojn por studrondoj. La nova tempo venis al tiu popolo, kiu loĝas norde de la Polusa Cirko, en la regiono de la longa, malluma kaj malvarma vintro, sed ankaŭ lando de la bela Nordlumo dum multaj klaraj xxxxxxxxxxxx vintronoktoj kaj kun la Meznokta Suno dum monato somertempo.

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-